HAMBURG Esperanto



5/1993

Oktobro/Novembro

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.

DU UND DEINE WELT

VI KAJ VIA MONDO

# Granda ekspozicio en Hamburg

**Hamburg (ehh). La 30a Internacia Familia Ekspozicio *DU UND DEINE WELT* okazis de la 27a de Aŭgusto ĝis la 5a de Septembro 1993 en la ekspoziciaj haloj en Hamburg. Centoj da standoj en kaj inter 12 haloj informis kaj varbis pri ĉio, kio povus interesi la grandan publikon. En la haloj prezentiĝis diversaj specoj de temoj: Ekz-e Arto kaj hobio, domo kaj ĝardeno, manĝaĵoj kaj trinkaĵoj aŭ sociaj kaj socialaj organizoj. En tiu laste nomita halo, inter stando de Teknika Helpservo, Urba Informejo kaj "Avino-Luservo", ankaŭ troviĝis stando pri Esperanto. Ĝi reprezentis la Landan Ligon de GEA.**

B. Klehr

***Bv. legi sur paĝo 3.***

## Enhavo



## Editoraĵoj

**Eldonanto:** *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro:** *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto:** *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado:** *Benno Klehr*

**Redaktofino de n-ro 6/1993:**
**13-11-93**

## Sentenco

**Nur stultuloj faras ordon – geniulo regas la ĥaoson!**

*popola spritaĵo*

## Bonvolu noti!



Se vi ĉi-tie trovos krucon en la kesteto, vi ne plu ricevos la bultenon ***Esperanto Hamburg*** en la venonta jaro!
Dum la pasintaj jaroj nia iama ***Informilo*** evoluis al ***Esperanto Hamburg,*** malgranda gazeto de 12 paĝoj kun tre diversa enhavo, kaj ĝiaj legantoj loĝas en pli ol **10** landoj, eĉ ekster Eŭropo.
Ni kutime dissendis nian bultenon senkoste al ĉiu, kiu petis ĝin. Jam dum kelkaj jaroj la nombro de ne-pagantaj legantoj superas tiun de la membroj de nia klubo. Ni rigardis tion kiel servon inter Esperantistoj.
Sed nun la poŝto altigis la afrankon tiom, ke ni **ne plu povas pagi tiun servon**, ĉar ĝi kostas al ni kromajn **1000 markojn** jare. Tian lukson ankaŭ la "riĉa" Hamburga klubo ne povas financi. Do **ni petas** ĉiujn ekster-klubajn legantojn, al kiuj ni sendas nian bultenon, skribi al ni, **ĉu ni daŭrigu** la sendadon. Al la gazetaro ks. ni ankaŭ estonte sendos senkoste! **Privatulojn** ni petas, pagi GM 10,- kun indiko "abono 94" al nia poŝta konto ( vd. maldekstre ).
Unuopaj ekzempleroj (sen afranko) kostas DM 0,50 (=propraj kostoj).
**Dankon pro via komprenemo.**

## Cetere

Ni ĝojas pri ĉiu represo de niaj artiloloj, sed petas, sendi al ni ekzempleron.
Nia devizo: "**Ĉiuj rajtoj ignoreblaj ...**"

## Ni pri ni

Ni bedaŭras, ke la pasinta eldono de **Esperanto Hamburg 5 / 93** ne povis aperi en la kutima dukolora aspekto. *Teknikaj kaŭzoj* oni nomas tion, kio streĉis miajn nervojn kaj finfine kaŭzis sen-ruĝan eldonon.

*BK*

# Esperanto auf *Du und Deine Welt*

**Die Familienmesse *DU und Deine Welt* hatte dreißigjähriges Jubiläum. Rund tausend Aussteller zeigten Neues und Bewährtes, und der Esperanto-Landesverband war mit einem großen Informationsstand dabei.**

Unser Motto war: *Esperanto-Land ist überall!* Auf der ersten Wand zeigten wir sieben **Werbeplakate** von Esperanto-Weltkongressen und brandneue Fotos (DIN A 4) mit Stimmungsbildern vom diesjährigen Kongreß in **Valencia**. Auf der Stirnwand hatten wir eine große **Weltkarte** aufgehängt, in der sämtliche Länder, in denen es UEA-Mitglieder gibt, durch grüne Punkte markeirt waren. Darum herum waren auf kleineren Tafeln die neunzehn wichtigsten Sprachen der Welt mit Textbeispielen und Sprecherzahl dargestellt, was das **Sprachengewirr** auf unserem Planeten verdeutlichte. Auf der dritten Wand hatten wir Zitate von **Nobelpreisträgern** und von **Umberto Eco** aufgeklebt, die sich für Esperanto aussprachen.

Auf einem Regal zeigten wir einen Querschnitt durch die **Esperanto-Literatur**.

Unser Stand weckte viel Aufmerksamkeit bei den Messebesuchern. Viele interessierte und interessante, prominente und weniger prominente Personen besuchten unseren Stand. Viele Besucher kannten Esperanto schon, waren aber erstaunt, daß es das heute noch gibt, d. h. sie hatten seit Jahren nichts mehr von Esperanto gehört. Andere hatten im Prinzip eine positive Einstellung zu Esperanto, behaupteten aber abschließend mit bedauern: "aber es hat sich ja nicht durchgesetzt" (Zitat aus einer sehr populären Fernsehsendung). Viele Besucher hatten noch nie von Esperanto gehört aber waren interessiert, sich informieren zu lassen. Viele waren begeistert von der Idee und machten positive Vorschläge, wie man vorankommen könnte. Immer wieder wurde gefordert, daß man **Esperanto in den Schulen** lehren solle. Man muß andererseits auch sehen, daß viele Menschen negativ eingestellt sind und Esperanto für überflüssig oder nicht durchsetzbar halten.

Zusammenfassend können wir sagen, daß wir umfangreiche und wertvolle Informationsarbeit geleistet haben. An den Wochenenden waren wir mit sechs Beratern am Stand und waren über lange Strecken voll ausgelastet. Das Projekt muß als **voller Erfolg** angesehen werden, und auch in Zukunft sollten wir jede **Gelegenheit nutzen**, uns in der Öffentlichkeit zu zeigen und zu **beweisen**, daß Esperanto lebt.

Der Erfolg auf der Messe *Du und Deine Welt* war nur dadurch möglich, daß sechzehn unserer Mitglieder und Kursteilnehmer mitgeholfen haben und bereit waren, Standdienst zu machen. Besonders erwähnen möchte ich *Wolfgang Löbel*, der sich trotz Erkältung und seines kranken Herzens sehr eifrig eingesetzt hat. Wichtig war auch die Zusage des *Deutschen Esperanto-Bundes*, uns durch eine Zuwendung zu unterstützen.

**Ihnen allen gilt unser Dank**.

Deutscher Esperanto-Bund e. V.
Landesverband Hamburg
*Bodo Schneider*



# Prelegas kaj instruas s-ro Rýznar

**Je la 6a de Oktobro venos *Linhart Rýznar* el Ĉeĥio al Hamburgo. Sinjoro Rýznar Esperantiĝis en la jaro 1937, estis dum multaj jaroj estrarano de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio (ĈEA ), kaj depost preskaŭ dudek jaroj li estas ĉefdelegito de UEA por Ĉeĥaj landoj. Li ankaŭ estas sperta Cseh-instruisto ĝis la plej alta nivelo, amuziga rakontantoj de historioj kaj magiisto.**

Per tio ni havas la ŝancon, riĉigi nian kluban vivon de Ĵaŭdo, la **7an de Oktobro**, ĝis Dimanĉo, la **10an de Oktobro**, per varioplena programo.
Bonvolu rezervi la sekvontajn datojn:

- **Ĵaŭdo**, 93 - 10 - 07, 20a horo:
  Prelego kun diapozitivoj pri la vizitindaj belaĵoj de la Ĉeĥa lando kaj pri kelkaj tradiciaj Esperanto-aranĝoj.

- **Vendredo**, 93 - 10 - 08, 20a horo:
  Rakonto pri la historio de magio kun praktikaj prezentadoj.

- **Sabato**, 93 - 10 - 09, 10a ĝis 18a, kun paŭzo de 1½ horoj:
  Konversacia Cseh-kurso por progresintaj Esperanto-parolantoj (post la baza kurso) por revivigo kaj plivastigo de eksistantaj konoj.

- **Dimanĉo**, 93 - 10 - 10, 10a ĝis 18a, kun paŭzo de 1½ horoj:
  Daŭrigo de la paroliga kurso de Sabato.

Por la Cseh-kurso de Sabato kaj Dimanĉo ni enkasigos kotizon de *DM* 35,- (reduktite 20,-). Du tagmanĝoj estas inkluzivaj. **Bonvolu aliĝi sufiĉe frue!**

**Ni aranĝis allogan programon por vi. - Tion ne malhavu!**

*Bodo Schneider*

# 90 jaroj Angers

**Angers (ehh). La Esperantista Klubo de la Franca urbo *Angers,* ĉefurbo de departemento *Maine-et-Loire,* printempe de 1994 festos 90jariĝon.**
S-ino Cheverry, al Hamburganoj konata el Grèsillon, sciigis nin pri tiu fakto per letero al Hans Schütt, kiu transdonis ĝin al ni.
La grupo planas kelkajn aranĝojn, por atentigi la publikon pri la dato kaj pri Esperanto ĝenerale. Ili jam kolektis kaj plu kolektas faktojn kaj dokumentojn el la pasintaj jardekoj. Eble estus bona ideo, se Hamburganoj vizitus Angers dum tiu tempo...

# 90 jaroj Berlin

**Berlin (ehh). Jam Sabaton la 27an de Novembro 1993 *Berlina Esperanto-Ligo* festos sian 90jariĝon.**
Dum tiu jubilea festo okazos diversaj aranĝoj en la ĉefurbo. Estas invititaj gastoj el pluraj ĉefurboj, por montri la internaciecon de la Esperanto-movado.
Kvankam ne ĉefurbo, oni ankaŭ ĝojus pri gastoj el Hamburg, por montri, ke ankau en Germanio ekzistas aliaj grupoj de aktivaj praktikantoj de Esperanto.
Laŭ *Ina Tautorat* el Berlin,
ni simple **devas** reprezentiĝi tie!

# Letero de fuĝinto

**Vian ŝatatan bultenon mi ĉiam volonte legas, dank' al mia samurbano kaj amiko Izet Bojčić (loĝanta en Hamburgo), kiu sendas ĝin al mi.**

Nun mi devas tutkore danki al vi pro la kovrilpaĝo de n-ro 4 / 93, dediĉita al mia bela, ege suferanta patrujo Bosnio kaj Hercegovino. Per nur kelkaj frazoj kaj demandoj vi tute perfekte tuŝis kaj trafis la esencon de la konfikto ( do, ne *"Bürgerkrieg"*, sed la agreso, ne nur de unu flanko!) kaj la reagon de "Eŭropo", UNo kaj Usono (kiuj fakte subtenas Jugoslavan Hitlerismon!)

Mi devas, ankaŭ tre mallonge, komenti Vian liston de "**novaj ŝtatoj en Eŭropo**", el la n-ro 3 / 93: 1) Ne ekzistas kiel ŝtatoj *Serbio* kaj *Montenegro*, ekzistas "***SR Jugoslavio***" (verdire, ne agnoskita);

2) Ĉefurbo de **Montenegro** jam kelkajn jarojn ne nomiĝas plu *Titograd*, sed *Podgorica* - denove ĝia malnova nomo -

3)En Serbio ne ekzistas plu Aŭtonomaj regionoj **Kosovo** kaj **Vojvodina**, iliaj aŭtonomioj estas nuligitaj "de facto" kaj "de jure".

Salutante ĉiujn HES-anojn,
via bosniano - militrifuĝanto - esperantisto
***Smajlo Grbo*** el Sarajevo
(Am Hang 5, 57462 Olpe)

**Rim. de Red.**
Mi dankas pro la korektiga komento pri mia artikolo. Mi bedaŭrinde ne ĉiam povas prijuĝi, ĉu miaj informoj pri diversaj landoj estas la plej aktualaj. Mi mem jam pridubis la nomon Titograd, sed ne trovis alian. (En la artikolo pri Ukraino (4/93) mi menciis ŝanĝitajn nomojn, ĉar tie mi trovis ilin.) BK

# Nova ideo pri varbado

(Rilate ***Esperanto Hamburg*** n-ro 3 / 1993, "Varbado, sed ĝusta!")

**Jam de sufiĉe longa tempo mi intencas laŭdi la altkvaliton de *Esperanto Hamburg*. Certe, la enhavo de la gazeto dependas de la kontribuoj. Sed la viaj aldonas al la gazeto apartan legindecon.**

**Ĉi foje tre temas pri orientiĝo de la Esperantistoj al la ekstero, kaj tiu temo fariĝas, ne nur pro la Hamburgaj cirkonstancoj, pli kaj pli grava. Do, dankon pro via pravega artikolo! Ĝi validas eĉ pli, se, ĝin legante, oni memoras la citaĵon de John Hormann sur paĝo 2.** (*Oni ne faru la aferojn ĝuste - sed la ĝustajn aferojn!* - **Red.**)



**Rilate varbadon**, ni estas plimalpli amatoroj. Tamen, bonaj ideoj povas instigi homojn, ion kontribui, kion ili sen la instigo ne estus kontribuintaj. Mi do provis krei **blazonon** por la celo, kiun vi priskribis. Tia blazono devas esti tre **abstrakta**, tuj **rekonebla** kaj **simbolhava**. Tre bona **ekzemplo** estas la blazono de *Deutsche Bank*. Jen simpla kvadrato, kiu simbolas ŝparskatolon, en ĝi diagonala paralelogramo, kiu simbolas ŝparmoneron. La kerna tasko de la Esperantomovado estas iom **pli ampleksa**. Pro tio mi kredas, ke nia blazono ne povas esti tiom abstrakta. Nia sfero estas la **mondo** kaj la interŝanĝo inter **homoj**. Tiuj du ecoj estas simboligitaj per la cirklo el du interŝanĝaj koloroj. Samtempe videblas minimume du iteroj de la vorto *Esperanto*: **E** kaj **O**.



*Frank Merla*

# Solvo de Enigmo 4/93

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 F | 2 O | 3 K | 4 U | 5 S | 6 O | 7 I | 8 K | 9 T | 10 E | 11 R | 12 O |
| 13 A | 14 S | O | 15 F | A | K | T | 16 O | I | S | E | 17 R |
| 18 K | A | T | E | D | R | 19 A | L | E | 20 T | A | N |
| 21 K | L | A | R | I | O | N | E | 22 S | A | L | 23 M |
| 24 U | V | 25 I | N | S | 26 T | A | L | 27 A | Ĵ | 28 P | A |
| 29 N | I | N | 30 A | M | E | R | I | K | O | 31 O | N |
| 32 L | O | 33 R | N | O | 34 A | K | T | U | 35 A | L | A |
| 36 A | 37 K | A | D | 38 E | M | I | O | 39 M | E | L | O |
| 40 B | A | L | O | 41 K | A | O | 42 S | 43 U | R | A | 44 L |
| 45 O | L | I | 46 B | A | N | 47 O | 48 A | L | U | N | O |
| 49 R | I | K | I | Ŝ | O | 50 P | R | I | M | 51 D | K |
| 52 O | 53 F | O | S | I | 54 L | O | 55 K | L | I | O | A |

Ĉifoje bedaŭrinde mi ne povas prezenti al vi novan enigmon, ĉar la tempo ne sufiĉis, por ellabori ion vere bonan. Mi esperas, ke en la venonta eldono mi povos rekompensi al tiuj, kiuj bedaŭras la mankon de enigmo, per nova "teruraĵo" laŭ la kutima stilo.

BK

# Besuch aus Tschechien

**Am 6. Oktober kommt *Linhart Rýznar* aus Tschechien nach Haburg. Dadurch haben wir die Gelegenheit, unser Klubleben zu bereichern:**

Bitte reservieren Sie sich folgende Termine:

- **Donnerstag**, 93 - 10 - 07, 20 Uhr:
  Diavortrag über die besuchenswerten Schönheiten der tschechischen Landschaft und über traditionelle Esperanto-Veranstaltungen.

- **Freitag**, 93 - 10 - 08, 20 Uhr:
  Schilderung der Geschichte der Zauberkunst mit praktischen Vorführungen.

- **Samstag**, 93 - 10 - 09, 10 bis 18 Uhr, mit 1½ Stunden Pause:
  Esperanto-Konversationskursus nach der Cseh-Methode für fortgeschrittene Esperanto-Sprecher (nach dem Grundkurs) zur Auffrischung und Erweiterung der Kenntnisse

- **Sonntag**, 93 - 10 - 10, 10 bis 18 Uhr, mit 1½ Stunden Pause:
  Fortsetzung des Sprachkurses von Samstag.

Für Samstag und Sonntag zusammen wird ein Kostenbeitrag von DM 35,- (ermäßigt 20,-) erhoben. Zwei Mittagessen sind im Preis eingeschlossen.

***Lesen Sie den Bericht auf Seite 4!***

**Hamburga Esperanto-Societo r.a.**

**Esperanto-Verein Hamburg e.V.**



# Kotizoj 1994

| Kategorio | HES | GEA | entute GM: |
|---|---|---|---|
| Plena membro | 65,- | 60,- | 125,- |
| Familiano | 35,- | 30,- | 65,- |
| Studento, Lernanto, Membro sen enspezoj Senlaborulo | 35,- | 30,- | 65,- |
| Junulo ĝis 26 jaroj | 30,- | 30,- | 60,- |
| Patrona membro de GEA | 65,- | 120,- | 185,- |

Kurso (por ne-membroj): 150,- reduktita: 75,-

Bonvolu ĝiri al la konto de HES, indikante celon kaj nomon aŭ pagu kontante al nia kasistino ***Hella Lanka***.

Ĝiradon direktu al: Hamburga Esperanto-Societo,
**Poŝtĝirokonto Hamburg n-ro 173 22 - 207**

**Bonvolu pagi vian kotizon por 1994 jam fine de tiu ĉi jaro, ĉar ni devas pagi al GEA!**

**Esperanto-Verein Hamburg e.V.**

**Hamburga Esperanto-Societo r.a.**



# Beitrittserklärung

Hiermit erkläre ich meinen Beitritt zum
**Esperanto-Verein Hamburg e.V.** als

☐ ordentliches Mitglied (Bitte ankreuzen)

☐ förderndes Mitglied

☐ Familienangehöriger
bzw. Mitglied ohne Einkommen

HES

**Persönliche Daten** (Es erfolgt keine Weitergabe an Dritte)
Mit * gekennzeichnete Angaben sind freiwillig!

Name: ........................................ Vorname: ........................................

Straße: ........................................................................ Nr.: ..............

PLZ: .............................. Ort: ........................................................

Geburtsdatum: ................................ Telefon:* ........................................

Beruf:* ........................................ UEA-Mitglied:* ☐ ja

Beginn der Mitgliedschaft: ........................................................

Datum: ............................ Unterschrift: ........................................

Bitte nicht ausfüllen!
pago pagodato al GEA ĝirodato

Deutscher Esperanto-Bund e.V.



Landesverband Hamburg

# Beitrittserklärung

Hiermit erkläre ich meinen Beitritt zum **Deutschen Esperanto Bund e.V.** bzw. zur **Deutschen Esperanto-Jugend e.V.** als

☐ ordentliches Mitglied (Bitte ankreuzen)

☐ förderndes Mitglied

☐ Familienangehöriger

**Persönliche Daten** (Es erfolgt keine Weitergabe an Dritte)
Mit * gekennzeichnete Angaben sind freiwillig!

Name: .................................... Vorname: ....................................

Straße: .................................................................... Nr.: ...............

PLZ: ...................... Ort: ....................................................

Geburtsdatum: ............................ Telefon:* ....................................

Beruf:* .................................... UEA-Mitglied:* ☐ ja

Beginn der Mitgliedschaft: ....................................................

Datum: ...................... Unterschrift: ....................................

---

Bitte nicht ausfüllen!
pago pagodato al GEA ĝirodato

# Nia Programo 5/93

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19:30.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 18:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 18:30.

## Oktobro

| | |
|---|---|
| 7 | **Ĉeĥa Pejzaĝo** vd.p.4 85-jariĝo de Hans Schütt |
| 8 | **Magio** (prelego, vd.p.4) |
| 9 | *Studr-do,* ***Cseh-kurso*** |
| 10 | **Ĉeh-kurso vd. p. 4** |
| 14 | *Jürgen Wulff:* **Diskuto: Pekoteko** |
| 21 | **Klubaj Aferoj** |
| 23 | *Studrondo* |
| 25 | *GIS - Kunveno* |
| 28 | *Bodo Schneider:* **UK en Valencio** |

## Novembro

| | |
|---|---|
| 4 | *Hannelore Brunow:* **Literatura Vespero** |
| 6 | *Studrondo* (poste estrarkunsido) |
| 11 | *Werner Bormann*: **La Akademio en San Marino** |
| 18 | **Klubaj Aferoj** (Kion ni faru por pli efike varbi por Esperanto?) |
| 20 | *Studrondo* |
| 25 | *Elsbeth Bormann:* **Aŭtunaj renkontiĝoj** |
| 29 | *GIS - Kunveno* |

**Ĵaŭde inter la 19a horo kaj 19.30 h vi povas manĝi en nia klubejo! La manĝaĵoj ne estas luksaj sed bonkvalitaj.**

## GIS

estas la Societo por Internacia Lingvo, Germane: **G**esellschaft für **I**nternationale **S**prache e.V. - kiu depost 1956 ekzistas por disvastigi Esperanton sur scienca nivelo, sen la kutimaj Esperanto-klubaj trajtoj.
GIS estas unu el la societoj, kiuj formas la Landan Ligon Hamburg de GEA.

# Bavara Aŭtuna Renkontiĝo
# 29a ĝis 31a de Oktobro 1993

**Bavara Esperanto-Ligo** kaj **Germana Esperanto-Instituto** komune invitas al semajnfino en la **Klerigejo de Kastelo Schney** (ĉe Lichtenfels, inter Bamberg kaj Coburg).

**El la programo:**
Vendrede: Diapozitivoj pri Sudafriko de *Elsbeth Bormann*
Sabate: Prelego de *d-ro Martin Haase*, direktoro de la Germana Esperanto-Instituto
Dimanĉe: Prelego de *d-ro Werner Bormann*, Membro de la Akademio de Esperanto
Krome:
Turisma ekskurso al *Monaĥejo Banz* kaj *Vierzehnheiligen*
Teatraĵo de la grupo *Kia Koincido*: **Aŭdienco** de *Vaclav Havel*

Prezo por la tuta aranĝo inkl. manĝoj, ekskurso kaj tranoktado en dulita ĉambro po nur DM 160,- ! **Bonvolu aliĝi antaŭ la 5a de Oktobro!**

Aliĝu ĉe Bavara Esperanto-Ligo r.a., Waterloostraße 21, 86165 Augsburg
Pagu kotizon al BEL, Poŝtĝiro München n-ro 625 59 - 801 (BLZ 700 100 80)
aŭ Stadtsparkasse Augsburg Kto. 055 07 72 (BLZ 720 500 00)

Adreso de la Kunvenejo (ne por aliĝoj!):
Bildungsstätte Schloß Schney, Schloßplatz 8, 96215 Lichtenfels, Tel. 0 95 71 - 86 39

---

# Internacia kultura kaj turisma semajno
# 09.-16.10.93 en Sant Cugat del Vallès

En proksimeco de 15 km al Barcelono, la kultura kaj turisma semajno prezentas en varmeco de kutime 20° varian programon:
**Prelegoj, paroliga kurso, teatro** k.s.
En la trankvila loko "**Centro Borja**" jam okazis tri Esperanto-kongresoj. Turisme interesaj lokoj kiel **Barcelono** kun siaj vidindaĵoj kaj la monaĥejo **Montserrat** estas facile atingeblaj.

Adreso: Hispana Esperanta Fervojista Asocio
Poŝtkesto 15027, E - 08080 Barcelona

# Hella Lanka parolas kun Hans Schütt

**Rilate al la 85a naskiĝ-datreveno de Hans Schütt, Hella Lanka intervjuis lin.**

H. L.: Kara Hans, vi naskiĝis la 6an de Oktobro 1908 en Stralsund kaj festos nun la 85an datrevonon de via naskiĝo. Bonvolu rakonti al mi, kiamaniere vi fariĝis Esperantisto.

H. Sch.: Ho, volonte! Mi naskiĝis la duan fojon, nome la 2an de Marto 1925, kiel Esperantisto. Tiam mi estis lernanto ĉe d-ro *Walter Michling*, mia instruisto en la *Schlee*-gimnazio en Hamburgo, do antaŭ 68 jaroj!

H. L.: Ĉu vi ankaŭ vizitis Esperanto kunvenojn?

H. Sch.: Jes, mi komencis en Altona, kie mi aŭskultis ĉiujn Vendredojn la prelegojn. Mi ankaŭ konatiĝis kun *August Weide*, la posta honora prezidanto de Hamburga Esperanto-Societo, kiu badaŭrinde mortis ĉijare.

H. L.: Ĉu vi memoras pri via unua Esperanto-kongreso?

H. Sch.: Jes, kompreneble! Mia unua Germana Esperanto-kongreso estas neforgesebla: Ĝi okazis en la jaro 1928 en Potsdam, kie *Edmond Privat* - tiam la plej elokventa oratoro - faris la festparoladon.
La kongreson gvidis nia konata instruisto *Markau*, kiu gvidis en Hamburgo en la 50aj jaroj la virinan Hamburgan Esperanto-ĥoron. Oni devus nun denove flegi la Esperanto-kantojn en nia klubejo. Ankaŭ en la Universalaj Kongresoj de Esperanto, kiujn mi multe partoprenis, ĉiujare kantas la gekongresanoj en la Internacia Ĥoro.

H. L.: Vi ja vizitis multegajn naciajn kaj internaciajn Esperanto-kongresojn kaj renkontis centojn da amikoj, kun kiuj vi ankoraŭ korespondas.

H. Sch.: Jes, mi ankoraŭ ĉiutage ricevas multajn leterojn de la internaciaj geamikoj, kaj longe kolektis la belajn internaciajn poŝtmarkojn. La Universala Kongreso de Esperanto en Parizo en la jaro 1929 estis por mi la kulminacia punkto. Tie mi estis "aktiva membro" de la diskutema, kabareda kaj debatema rondo ***Verda Kato***.

H. L.: Ĉu vi ion povas diri pri la Esperanto-movado dum la dua mondmilito?

H. Sch.: Jes, en la 30aj kaj 40aj jaroj la Hamburgaj Esperantistoj ne tiel bone rajtis labori por Esperanto. Kelkaj konataj Esperantistoj, kiel ekz-e *Oskar Bünemann*, kaj mi kaŝis la Esperanto-librojn ktp. kaj kaŝe kunvenis en malantaŭaj ĉambroj, aŭ devis fuĝi, kiel inter aliaj *August Weide* al Danlando. Tiam estis danĝera tempo por Esperantistoj, kiuj deziris internaciajn kontaktojn kaj internacian lingvon Esperanto, sed ne la Germanan lingvon. Do, **ne** estas memkompreneble, ke ni povos festi venontan jaron la 90an jubileon de nia Hamburga Esperanto-Societo; ni ŝuldas multan dankon al tiuj gesamideanoj, kiuj daŭrigis eĉ kaŝe la Esperanto-laboron dum la 30aj kaj 40aj jaroj.

H. L.: Kiam vi povis oficiale renovigi la internaciajn kontaktojn post la dua mondmilito?

H. Sch.: En la jaro 1946 ni denove kolektiĝis en Hamburgo kaj daŭrigis la Esperanto-laboron. Post la dua mondmilito mia koro ankaŭ batis por la Franca Kulturdomo *Kastelo Gresiljono* en Baugé, kie mi pasigis pli ol 25foje miajn feriojn. kaj ne pentas pri tio. Resume, mi ne povas imagi mian vivon sen Esperanto, kiu formis min dum 70 jaroj.

H. L.: Mi korege dankas al vi, ankaŭ je la nomo de la Hamburgaj geamikoj, kaj deziras al vi por via nova vivojaro bonan resaniĝon, feliĉon, ĝojon kaj amikecon.
Ni ĝojas, havi vin en nia rondo, tre ofte kaj longe.
**Korgratulon al vi, kara Hans!**

*Hella Lanka*

# Centro kaj fokuso de Eŭropo

## Ĉeĥio




Depost la jaro 400 a. K. diversaj gentoj Keltaj, Slavaj kaj Ĝermanaj eklogâs en tiu ĉi regiono. En la 2a jc. *Bohemio*, la okcidenta parto, dum kelkaj jaroj estas Romia provinco. En *Moravio*, la orienta parto, en la 7a jc. establiĝas la *Morava Regno*. Ekde 863 Kristana misiado. 10a jc: Bohemio venas sub influon de Germanaj reĝoj kaj Katolika eklezio. 11a jc: Bohemio kaj Moravio unuiĝas sub la dukoj de *Przemysl*. 1306, post la morto de la lasta *Przemysl*, la landon ekregas la dukoj de *Luksemburgo*.

1346-78: kun *Karolo IV* la lando travivas tempon de granda prospero (fondo de la **Praga universitato** en 1348).

En 1415, dum la koncilio de *Konstanz*, la katolika eklezio mortbruligas la reformiston ***Jan Hus***. Sekvas militoj de Ĉeĥoj kontraŭ eklezio kaj Germanio. 1526/27 la Aŭstroj heredas Hungaran kaj Bohemian Kronojn.

En 1618 komenciĝas la **30jara Milito** (Trafenestra Elĵeto de Prago). La Aŭstoj gajnas, sola religio estas Katolika. Imperiestrino **Maria Theresia** 1740-80 regas absolutisman ŝtaton en Vieno, en kiu Bohemio kaj Hungario nur estas provincoj. *Joseph II* 1780-90 abolas **servuton** kaj enkondukas civilajn **rajtojn** por Judoj. En 1866 la *Paco de Prago* signas la finon de la *Prusa-Aŭstra Milito*, kiu plejparte okazis en Bohemio.

Post la disfalo de *Aŭstro-Hungario* en 1918, formiĝas la **Ĉeĥo-Slovaka Respubliko**. En 1938 **Hitler** ĉantaĝas Francan kaj Britan registarojn, subskribi la t. n. **Munkenan Kontrakton**, per kiu Germane enloĝataj regionoj de Ĉeĥoslovakio sen milito estas ceditaj al Germanio. En 1939 Germanio **aneksas** la t.n. *Protektejon Bohemio kaj Moravio*. La Ĉeĥa popolo devas suferi Nazian teroron, Judoj estas deportitaj kaj multaj homoj murditaj. Al la koncentrejo Theresienstadt (Terezín) oni deportas Judojn el diversaj landoj; tien ankaŭ la Hamburga Esperantisto Felix Epstein estas deportita.

En 1944 la Soveta Armeo pasas la limon al Ĉeĥoslovakio kaj finas la Germanan okupacion. Ekde 1945 Germanoj estas forpelitaj el la lando kaj perdas ĉiujn rajtojn je sia havaĵo.

En 1946 la komunisma partio atingas 40% de la balotaj voĉoj, kaj en 1948 post puĉo establiĝas komunista registaro.

En 1968 trupoj de Socialismaj ŝtatoj okupas Ĉeĥoslovakion por fini la reformeman politikon de *Alexander Dubček*, la ***Pragan Printempon*** ("socialismo kun homa vizaĝo").

En 1977 aperas la ***Charta 77***, kiu postulas homajn rajtojn. Multaj subskribintoj estas arestitaj kaj malliberiĝas por multaj jaroj (i. a. la dramisto *Vaclav Havel*).

En 1989 kun la Soveta Perestrojko ankaŭ en Prago regule okazas grandaj demonstracioj. La *Forumo de Civitanoj* sukcesas demisiigi la komunisman registaron. Fine de 1989 estas elektita kiel ŝtata prezidento la iama "krimulo" *Vaclav Havel*. En 1993 el Ĉeĥoslovakio fariĝas la Ĉeĥa kaj Slovaka Respublikoj.

Se interesas vin Ĉeĥa pejzaĝo, vizitu la ĵaŭdan **klubvesperon**, 7.10.93!

*BK*

# Ferioj en *Kultura Centro Esperantista*

Niajn feriojn ni ĉiam pasigas ĉe aranĝo de la Esperanto-movado. Ĉi-jare ni havis ampleksan kaj interesan programon: Survoje al la antaŭkongreso en Barcelono kaj la Universala Kongreso en Valencio ni vizitis la *Kulturan Centron Esperantistan* en *La Chaux-de-Fonds* en Svislando. Nia ĉefa deziro estis la partopreno en Intensiva Metodologia Seminario por Esperanto-Instruistoj, kiun aranĝis la Usona profesoro *Duncan Charters*.

Kaj, ĉar la okazo estis tiom oportuna, ni dum nia restanta tempo de la tago partoprenis ankaŭ en kurso por pretiĝo al la ekzameno de la *Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj* (ILEI), kiun aranĝis *Katalin Smideliusz* el Hungarlando. Ĉar ni fine estis tiom bone preparitaj ni ankaŭ ekzameniĝis je la meza nivelo laŭ ILEI kaj sukcesis.

Estis laborplenaj ferioj. Tamen la restado en la Kultura Centro Esperantista nin entuziasmigis. Prof. *Charters* kaj s-ino *Smideliusz* estas bonegaj instruistoj, kiuj tage kaj nokte uzas ĉiun forton por siaj studantoj. La tempo en KCE estis tre interesa kaj stimula. La tagoj estis plenigitaj per instruado kaj vespere okazis ĝeneralaj prelegoj de famaj Esperantistoj kiel *Claude Gacond, Giorgio Silfer* kaj *Tomasz Chmielik* aŭ Esperantaj filmoj.

La etoso estis internacia kaj tre agrabla. Ni ekkonis multajn afablajn homojn el la plej diferencaj landoj kaj havis multajn okazaĵojn por uzi nian Esperanto-kapablecon - ni ja feliĉe estis devigitaj, fari tion, ĉar ni alie ne povis interkompreniĝi. Tio donis sencon al nia ago kaj faris nin kontentaj.

La loĝigo estis sufiĉe simpla, kion oni povis akcepti konsidere al la modesta prezo. Pri la manĝaĵo ni estis tre kontentaj, ĉar la gekuiristoj volonte plenumis niajn iomete strangajn dezirojn pri niaj vegetaraj manĝaĵoj.

Resume, ni estas tre kontentaj pri nia restado en KCE kaj povas rekomendi ĝin al ĉiuj engaĝiĝemaj Esperantistoj, kiuj volas travivi stimulajn feriojn.

*Irmgard Karst / Bodo Schneider*

Unsere Ferien verbringen wir immer auf Veranstaltungen der Esperanto-Bewegung. Dieses Jahr hatten wir ein umfangreiches und interessantes Programm: Auf dem Wege zum Vorkongreß in Barcelona und dem Weltkongreß in Valencia besuchten wir das *Kultura Centro Esperantista* (KCE) in *La Chaux-de-Fonds* in der Schweiz. Unser Hauptanliegen war ein Intensiv-Methodologie-Seminar für Esperanto-Lehrer, das von dem amerikanischen Professor *Duncan Charters* abgehalten wurde. Und da die Gelegenheit so günstig war, nahmen wir an einem Vorbereitungskurs für die Sprachprüfung der Internationalen Liga der Esperanto-Lehrer (ILEI) teil, der von *Katalin Smideliusz* aus Ungarn durchgeführt wurde. Da wir so gut vorbereitet waren, legten wir auch noch die mittlere Prüfung der ILEI ab.

Es waren arbeitsreiche Ferien. Aber der Aufenthalt im Kulturzentrum begeisterte uns. Prof. *Charters* und Frau *Smideliusz* sind hervorragende Lehrer, die sich Tag und Nacht für ihre Schüler einsetzen. Die Zeit im Kulturzentrum war sehr interessant und anregend. Die Tage waren angefüllt mit Unterricht, und abends gab es Vorträge von prominenten Esperantisten wie *Claude Gacond, Giorgio Silfer* und *Tomasz Chmielik* oder Esperanto-Filme.

Die Atmosphäre war international und sehr angenehm. Wir lernten viele freunliche Menschen aus den verschiedensten Ländern kennen und hatten viel Gelegenheit, unser Esperanto-Können anzuwenden, da wir uns sonst nicht verständigen konnten. Das gab allem einen Sinn und erfüllte uns mit Befriedigung.

Die Unterbringung war einfach, aber der Preis bescheiden. Mit dem Essen waren wir sehr zufrieden, da die Köchinnen und Köche auf unsere etwas exotischen Wünsche bezüglich vegetarischer Kost eingingen.

Insgesamt waren wir mit unserem Aufenthalt im KCE sehr zufrieden und können es allen engagierten Esperantisten für eine anregende Ferienzeit empfehlen.

*Irmgard Karst / Bodo Schneider*

# Esperanto-Jugend auf den Jugendumwelttagen 1993

**Hamburg (JWu). Die größte Jugendumweltveranstaltung im Jahre 1993 findet in Hamburg statt: Die Hamburger Jugendumwelttage vom 29. bis 30. September in der Markthalle am Hauptbahnhof. Auch der Landesverband Hamburg der *Deutschen Esperanto-Jugend* ist mit einem 6 qm großen Stand vertreten.**

Organisiert wird das ganze von der **BUNDjugend** (Bund für Umwelt und Naturschutz) sowie der Hamburger **Tierschutzjugend**. *Sven Wrage* und *Cornelia Bretz* vom Organisationsstab erklären zur Zielsetzung: "Die Hamburger Jugendverbände versuchen seit Jahren, jungen Menschen Perspektiven aufzuzeigen. Freizeit läßt sich sinnvoll gestalten, ohne auf jede Menge Spaß zu verzichten. Wir geben jungen Leuten die Chance, individuelle Fähigkeiten einzusetzen, um besonders die eigene Umwelt zu verändern. Leider wird es immer schwieriger, die junge Generation zu erreichen: Trockene Informationsstände, Flugblätter und sonstige Aufrufe gehen in der alltäglichen Informationsflut schlichtweg unter. Deshalb brauchen wir die Jugendumwelttage! Mit Theater, Workshops, Videos, Erlebnisstätten und vielem mehr wollen wir aufzeigen, wieviel aufregender das Leben ist als Videospiel und Fernsehen."

Und dazu soll auch die **Esperanto-Jugend** mit einem eigenen Stand beitragen. Obwohl zunächst gar nicht angemeldet, wurde der Landesverband Hamburg vom Planungsbüro aufgefordert, sich zu beteiligen.

Gefragt sind Stände, auf denen vor Ort etwas gemacht werden kann und die Jugendliche bis 20 Jahren ansprechen. So wird die Hamburger Esperanto-Jugend in Gesprächen und mit viel Anschauungsmaterial von Projekten aus aller Welt aufzeigen, wieviel einfacher die **internationale Kommunikation** mit **Esperanto** ablaufen kann. Die jugendlichen Besucher können außerdem direkt am Stand Esperanto in einer "**Schnupperlektion**" kennenlernen und so erfahren, wie lebendig Esperanto ist.

*Jürgen Wulff*

**Hamburg (ehh). La 29an kaj 30an de Septembro okazos *Junulara Mediprotekta Ekspozicio* en Hamburg.** Laŭ peto de la organizantoj ankaŭ partoprenas Hamburga Esperanto-Junularo. Celo de la ekspozicio estas, aktivigi gejunulojn, kiuj povus uzi sian liberan tempon pli interese ol per video-ludoj aŭ televido. La Esperanto-Junularo informas pri internacia komunikado kaj ebligos al la junaj vizitantoj, iom konatiĝi kun la **Internacia Lingvo**.

**72a GERMANA ESPERANTO-KONGRESO**
**20a - 23a de Majo 1994**
**en KIEL - apud la Balta Maro**